# INTERNACIA MEDICINA REVUO



Oficiala Organo
de
TUTMONDA
ESPERANTISTA
KURACISTA ASOCIO
(T. E. K. A.)

Monata ligilo
de la kuracistoj,
farmaciistoj, dentistoj
kaj aliaj medicin-
rilatantaj profesianoj

15a Jaro N-ro 1 JANUARO-JUNIO 1937

## ENHAVO

### OFICIALAJ INFORMOJ



### ORIGINALA ARTIKOLO



### AŬTOREFERATO



### REFERATOJ



### FARMACIISTA ANGULO



### KRONIKO



### DIVERSAĴOJ



Adreso : 19, avenue Montjoie, Uccle 3 (Belgujo)

Imprimerie LIELENS. 18. rue de la Princesse, Bruxelles-Ouest. — Tél. 21.10.98

# INTERNACIA MEDICINA REVUO

DEKKVINA JARKOLEKTO

1937

# OFICIALAJ SCIIGOJ

## 29a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
Warszawa 7-14 Aŭgusto 1937

### KUNSIDO DE T. E. K. A.

Estimataj Samideanoj,

Vi estas afable petataj ĉeesti la Konferencon de T. E. K. A., kiu okazos mardon la 10an de Aŭgusto 1937, je 9.30 h. en la Regna Instituto de Higieno.

TAGORDO :

1) Malfermo.
2) Elekto de honora kaj efektiva prezidantaro.
3) Salutvortoj de estraranoj, delegitoj de societoj kaj redakcioj.
4) Sciencaj prelegoj :
   P-ro D-ro Lubieniecki (Poznan) :Koraj malsanoj.
   D-ro Justesen (Danujo) : Kelkaj terapeŭtikaj konsiloj.
   D-ro Thursz (Varsovio) : Persona metodo por envejna injektado de alkoholo.
   P-ro D-ro Hideo Yagi (Japanujo) : Terapio de virina sterileco.
5) Komuna diskutado pri la supraj temoj.
6) Deziresprimoj de la konferenco, prezentotaj al ministerioj, internaciaj kongresoj, redakcioj.
7) Vizito de la Regna Instituto de Higieno.
9) Komuna tagmanĝo.

Atendante la plezuron renkonti vin, ni prezentas al vi nian sinceran saluton.

TUTMONDA ESPERANTISTA KURACISTA ASOCIO

D-ro W. ROBIN,
Prezidanto.

D-ro P. KEMPENEERS,
Ĝenerala Sekretario.

## AL NIAJ AMIKOJ

Malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj, kaj ne sufiĉa helpo de niaj abonantoj, ni sukcesis eldoni la nunan kajeron de Internacia Medicina Revuo.

Ni esperas ke per plua subteno kaj abonado, niaj amikoj permesos al ni baldaŭ eldoni novan kajeron, kaj repreni regulan presadon de nia kara organo.

Ni do petas niajn amikojn, ke ili senprokraste pagu sian kotizon por la nuna jaro, kaj por la antaŭaj, se ili tion ĝis nun ne faris. Ili tuj ricevos sian membrokarton, kaj la gazeton I. M. R. por la koncerna jaro. Pro necesa ŝparo, la gazeto estos sendata nur al tiuj, kiuj pagis sian kotizon.

Ni memorigas ke la simpla kotizo kostas 36 belgajn frankojn (7,20 belgoj); tiuj, kiuj pagas trioblan kotizon ricevas la specialan eldonon de la gazeto, sur barit-papero. Ni ankaŭ memorigas pri la kategorio de dumvivaj membroj, en kiun jam de keika tempo ni ne plus havis okazon enskribi novan nomon. Kotizo de dumviva membro estas 25oblo de la jara kotizo.

La kotizon oni bonvole pagu al la landaj kasistoj (vidu liston sur 3a paĝo de la koverto de I. M. R.) aŭ senpere al I. M. R., poŝtĉek-konto 2814.51, Bruxelles; adreso : 19, avenue Montjoie, Uccle 3, Belgujo.

El landoj, kie ekzistas specialaj malpermesoj elsendi monon, ni akceptas neuzitajn poŝtmarkojn, prefere bonfarajn, aerpoŝtajn, en kompletaj serioj, je 80 % de la faca valoro.

## TEKNIKA MEDICINA VORTARO

Atentu ! Por plifaciligi la akiron de tiu bela libro, nepre necesa al ĉiu leganto de nia gazeto, ni decidis sendi ĝin afrankite al ĉiu abonanto kiu aldonos al sia kotizo por 1937 (7.20 belgoj aŭ 36 belgaj frankoj) egalan sumon, do entute 14.40 belgoj aŭ 72 belgaj frankoj. Aĉetante la Vortaron, ili ricevos senpage la gazeton, aŭ abonante la gazeton, ili ricevos la Vortaron je duona prezo. Ni ne dubas ke multaj deziros profiti tiun favoran okazon.

## INTERNACIA ASOCIO DE LA MEDICINA GAZETARO

Oni ĵus starigis en Romo komitaton, kiu havas kiel taskon organizi Internacian Asocion de la Medicina Gazetaro. Ni sendis al ĝi nian aliĝon kaj mallonge skizis al la Komitato la profitojn kiujn alportos al la medicina Gazetaro la ĉiam pli disvastiĝanta uzo de Esperanto. Ni varme alvokas al ĉiuj kolegoj, ke ili amase subtenu niajn klopodojn, skribante al la nomita Komitato (adreso : 47, Via Due Macelli, Romo, Italujo). Pravigo per faktoj speciale impresus ĝin.

# ORIGINALA ARTIKOLO

## SIMPLA FORMULO POR LA TANINIGO DE LA BRULVUNDOJ

de D-ro M. MONNEROT-DUMAINE (Ismailia, Egiptujo)

616 -001.17 -08

La taninigo de la brulvundoj estas tre uzata de kelkaj jaroj.

Sed ĝis nun oni ne havis tre praktikan metodon. La pulvorigo de tanina solvo estas malrapida. La sekigo de tiu solvo postulas varmaeran ilon.

La taninaj grasaj pomadoj ne havas fortan taninigan potencon; kaj estas malfacile eltiri ilin.

Mi do serĉis formulon kiu havus la jenajn superecojn :

a) grandan enhavon de tanino;

b) algluecon;

c) facilan surmeton, eĉ en la hejmo de la brulito;

ĉ) rapidan sekiĝon;

d) mankon de grasaĵo por ke la tanina tavolo estu solvebla, se necese, per akva lavado.

Oni ne povas uzi gluon kun gelateno ĉar estas neakordeco inter tanino kaj gelateno.

Mi trovis formulon de akva pasto kun gumo. Sed ĝi sekiĝas rapide en la ujo, kaj ĝia tanina potenco ŝajnas malforta.

Tiam mi tre simple faris **la solvon de tanino en egalpezo de akvo.** Tiu solvo estas sorto de gluo. Por ĝin antisepsigi, mi almetis tripaflavinon aŭ rivanolon, kiuj absolute ne estaj kaŭstikaj. Oni povas ilin anstataŭigi per unu el la multaj antisepsaĵoj kiuj ekzistas en la komerco.

Do mia formulo estas jena :

| | |
|---|---|
| Tanino ... ... ... ... | ââ |
| Varma akvo ... ... ... ... | |
| Tripaflavino aŭ rivanolo | ½% |

**La tekniko de taninigo per mia formulo estas tre simpla**. Sendube la taninigo taŭgas nur por freŝdataj brulvundoj. Oni purigas tre zorge la vundon, malfermas kaj tranĉas la veziketojn per tondilo. Poste oni surmetas la taninan solvon per peniko. La vundito sentas mallongan bruladon. Tuj li estas tre sendolorigita. La gluo sekiĝas rapide sen varma aero. Ĝi faras tre alteniĝan kaj puran skameton. **Ne estas necese fari bandaĝon**.

La sekvontajn tagojn oni revidas la bruliton, ĉar, se aperas novaj veziketoj, estas necese ilin malfermi kaj tie almeti denove la solvaĵon.

Se oni timas infekton, oni lavas la brulvundon per malvarmeta akvo; la tanino solviĝas . Se ne estas pusado, oni metas novan taninan tavolon.

Post kelkaj tagoj, la taninaj krustoj falas kaj la nova epidermo aperas. La rezultatoj estas bonegaj. La cicatroj estas belaj kaj flekseblaj.

Fine mi atentigas la legantojn pri la jenaj superecoj :

— ĉi tiun solvaĵon oni povas fari dum kelkaj minutoj, se tio urĝas;
— ne estas eble forgesi tiel simplan formulon;
— ĝi estas tre malmultekosta.

# AŬTOREFERATO

D-ro F. WELEMINSKY. — **Frua diagnozo kaj frua terapio de la tuberkulozo.** (El « Lekarska Revue », 1937, n-ro 2.)

616 -002.5

Malhelpi estas pli facile ol plibonigi, ankaŭ en medicino estas pli facile kaj pli efike malhelpi profilakse ol sanigi post malsaniĝo, aŭ almenaŭ kuraci en la komenco de malsano ol post evoluo al grava formo. Tio estas vera ankaŭ por la tuberkulozo. Sed kiamaniere ni trovu la komencantajn kazojn? La unuaj simptomoj, kiel laceco, paleco, perdo de korpopezo, kaj aliaj ne estas tiel karakterizaj, ke oni povas certe diri, ke estas tuberkulozo kaj eĉ se febro komencas, povas esti kaŭzata de tonsiloj aŭ aliaj malsanaj organoj. En la komenca stado oni ne ankoraŭ trovas bacilojn, eĉ tuso ofte mankas kaj la Rentgena ekzameno ne ankoraŭ montras suspektajn fokusojn.

Esploro de tiaj kazoj per la malnova tuberkulino ne ofte helpas nin, precipe ne ĉe plenkreskuloj, ĉar 90 % aŭ eĉ pli multe de ili reagas pozitive al ĝi. Eĉ ĉe infanoj nur la negativa reago diras kun certeco, ke la simptomoj ne estas kaŭzataj per tuberkulozo, pozitiva reago ne pruvas ion, escepte ĉe tute junaj infanoj. Pro tio mi provis trovi novan specifan kuracilon kaj nun post multjara sperto, mi povas diri ke tiu ĉi, nomata tuberkulomucino, ne nur estas efika kuracilo, sed ankaŭ valora diagnozilo. Tri sinsekvaj subhaŭtaj injektoj ebligas nin diri kun certeco, ĉu la suspektita malsanulo suferas tuberkulozon, aŭ pli bone dirite, ĉu la simptomoj, kiujn li montras estas kaŭzataj de la tuberkulbacilo (aŭ de ties toksinoj). Ofte jam la unua injekto estas sekvata de loka reago, tiam ni tuj havas la pozitivan diagnozon, se ne, ni daŭrigas ĉiusemajne kun altigitaj dozoj, kaj se ankaŭ post la dua kaj tria injekto ne sekvas reago, tiam ni povas esti certaj, ke la simptomoj ne estas kaŭzataj de tuberkulozo. Kroma avantaĝo estas, ke

tiu diagnoza injekto aŭ injektoj estas samtempe jam kuracaj injektoj, nome ke la simptomoj, se la reago estas pozitiva, estas preskaŭ ĉiam jam nun bone influataj. Oni poste daŭrigas kun la sama dozo, kiu elvokis pozitivan reagon. Ĉiu grava kazo de tuberkulozo iam estis malgrava, komencanta kazo, la demando estas, ekkuraci ĝin jam dum tiu stado. Facile estus tio, se pere de la tuberkulomucino oni laŭvice esplorus ĉiujn suspektitajn malsanulojn, precipe infanojn, kiuj ne bone evoluas kaj ofte estas malsanetaj.

D-ro WELEMINSKI.

# REFERATOJ

P-ro ROCHAIX. —**La problemo de la pano (Nuna pano. — Bona pano. — La malpliiĝo de la pana manĝo)**. (El « Journal de Médecine de Lyon », 5. 1. 1937.)

613.263

La pana problemo ŝajnas aparta epizodo de la grandega etapo, nune transpasita de nia civilizacio, dank' al influo de la scienca kaj teknika progreso, kaj ankaŭ de la socia evoluo.

La pano, fabrikita per miljaraj empiriaj metodoj, plibonigitaj dum la centjaroj dank' al saĝa, pacienca, kaj konscienca laboro de la panigistoj, iom post iom estis akirinta la nutrajn, kaj digesteblajn ecojn dezirindajn.

La kulturo de la tritiko, la mueladaj, knedadaj, panigadaj farmanieroj, tute estis aliigitaj dum la lastaj jardekoj. La teknika ŝanĝego havas certajn avantaĝojn, sed ankaŭ malavantaĝojn kiuj ne tuj estas viditaj, kaj kiujn oni ne povis antaŭvidi; do estus necese penadi por modifo de kulturo, muelado, panigado, tamen penadante por konservo de la suprediritaj avantaĝoj. Oni nune serĉesploras por perfektigado de la metodoj; la kuracistoj devas preni sur sin la taskon atentigi pri la korektotaj difektoj, kaj pri kio devas esti la pano por ke ĝi povu resti, en la nutrado de la Francoj, same kiel antaŭe, la baza alimento.

Ne forgesu ke la sociaj pliboniĝoj (malpermeso de la dumnokta laboro, leĝo de la okhora taga laboro, k. t. p.) devigas ŝanĝi la antaŭe uzitajn metodojn de la panigistoj.

Ni ne manĝas tiom da pano kiom antaŭe ĉar ni manĝas multe da nutraĵoj kiujn oni ne antaŭe manĝis; la popola nutradmaniero estas multe pli diversa, pli riĉa.

Ni ne trograndigu la malavantaĝojn de la nuna pano; ĝi konservis certan valoron kiel amela alimento, kaj devas postresti grava parto

de la nutraĵaro. Pro la nutrada diverseco, la mankoj de la nuna pano ne tiom gravas kiom tio estus estinta por niaj prapatroj.

Tamen penadu por ĝin plibonigi; ni liveris en tiu artikolo la diversajn ecojn kiujn ni povas deziri por « bona pano ». Estas devo por la kulturscienculoj, por la teĥnikistoj de la muelado kaj de la panigado, pliperfektigi la nunajn metodojn, atentante pri la kuracistaj deziroj.

D-ro BRIQUET.

---

P-ro SEDALLIAN. — **Pri la kontaĝio en la infanaj fakoj de la hospitaloj.** (El « Journal de Médecine de Lyon », 5. 1. 1937.)

614.4

Malgraŭ la ekzisto de specialaj pavilonoj por la erupciaj febro, kaj por la difterio, la enhospitala kontaĝio, kvankam malpli grava, ne ĉesis. La plej oftaj kontaĝioj estas kaŭzataj de streptokokoj, aŭ de pneŭmokokoj kiuj okazigas epidemiojn de spiraj infektiĝoj, aŭ de bronĥo-pneŭmonioj, kiujn facile ricevas ĉiujaraj infanoj, sed ĉefe la suĉinfanoj.

La traaera kontaĝio, longtempe konsiderita kiel certa, poste diskutita, ŝajnas tre ebla en la hospitalaj ĉambro, kio pravigas la konstruon de malaltaj loĝejetoj kun plafonoj por efektivigi tutan izoladon. Sed la patogenaj bakterioj povas ĉefe esti transdonitaj de la hospitala personaro, ĉu per vestoj, ĉu per manoj, ĉu per buŝo se unu el ili estas, ĉe faringo, ĝermportanta. Do la uzo de masko devus esti tute deviga.

Sed ne estas eble organizi, kaj disciplini, la personaron de medicina ĝenerala fako por infanoj, same kiel la personaron de speciala fako por kontaĝiaj malsanoj; la kaŭzoj de kontaĝio estas tro oftaj, kaj la interinfanaj kontaktoj senĉesaj. Tio pravigas, teorie kaj fakte, la freŝan decidon de D-roj Debré kaj Blender : komisii specialistan kunhelpanton por kontroli la eblajn enhospitalajn kontaĝiojn, antaŭvidi la eventualaĵojn prizorgi pri ĉiuj rimedoj por izolado, konsiloj, vakcinadoj aŭ uzado de seroj, profilakso.

D-ro BRIQUET.

---

D-ro LYONNET. — **Kelkaj kazoj de enabdomenaj hemoragioj ĉe novnaskitoj.** (El « Journal de Médecine de Lyon », 5. 2. 1937.)

616.381 -003.215 -053.31

Oni povas trovi aŭtopsie, ĉe infanoj mortintaj dum la patrina akuŝo, aŭ dum la tagoj kiuj ĝin sekvis, sanga elfluaĵo en la peritoneo. Tiu sango povas deveni de enperitonea viscero (ĉefe de la hepato), aŭ de retroperitonea viscero (kutime de la surrena kapsulo). La aŭtoroj

referas pri 5 kazoj, kvar el la unua origino, unu el la dua. Kio estas ĉefe interesa ? La patogenio de tiuj hemoragioj.

En kelkaj kazoj oni povas kulpigi traŭmon dum la akuŝo, sed ofte ne ekzistis traŭmo , kaj oni devas konsenti pri nenorma « facilrompeco » ĉe la novnaskito. Fakte, histologie ekzameninte ĉiujn novnaskitojn mortintajn laŭ la supreditaj kondiĉoj, la aŭtoroj ofte trovis gravajn, nefreŝajn, viscerajn lezojn, (vazara sklerozo) verŝajne kaŭzitajn de difekto, aŭ de malsano, transdonita de la patrino. Tiuj infanoj havas vazojn tiel facile rompeblajn, ke la fiziologia traŭmo de norma akuŝo sufiĉas por okazigi ĉe ili hemoragion.

D-ro BRIQUET.

---

D-ro R. SŒUR (Bruselo). — **Post-operacia kuracado de la ostaj pusadoj.** («Bulletin de la Soc. Belge d'Orthopédie», Vol. IX, n-ro 1.)

616.71 -002.3 -08

Kuracado de ostaj pusadoj estas tre simpligita se oni uzas la poste priskribitan metodon, kiu ajn estu ilia deveno : ostomjelito akuta aŭ kronika, infektitaj ost-rompoj, ekster-artikaj tuberkulozoj, abscesoj de Brodie.

La operacio devas esti larĝe efektivigita : longa tranĉado, rekte sur la lezo, sen klivado de la diversaj tavoloj, fortranĉo de ĉiuj infektitaj molaj teksaĵoj. Larĝa trepanado de la kortika tavolo, elskrapado de la osta substanco ĝis la sana teksaĵo. Oni devas kiel eble plej eviti ligaĵojn sur la angioj. Periosto restas fiksata al la muskoloj; la operacio estas do subperiosta.

Oni nepre ne devas kunkudri la haŭtan vundon, eĉ parte. La operacio finiĝas per kelkminuta prema tamponado, kaj ioda seninfektigo de la osta vundo, de la molaj teksaĵoj de la haŭto.

La kavaĵon oni plenigas per sterila vazelino; kelkaj kompresoj kaj vato kovras la vundon. Oni tiam aplikas kompletan gipsaparaton, laŭ klasika metodo, senmovigante la artikojn suprajn kaj malsuprajn.

Kun tiu gipsaparato la paciento kuŝas enlite; post ses semajnoj oni forigas la gipsaparaton, oni zorge purigas la haŭton kaj la randojn de la vundo; la puso, la troa vazelino, la sebumo estas forigataj per etero La burĝonoj devas esti zorge respektataj.

Post radiografado, nova aparato estas aplikata, tute sama kiel la unua : vazelino, kompresoj, vato kaj gipsaparato. Ĉiun sesan semajnon oni agas same, ĝis kompleta resaniĝo. Tiam, se temas pri malsupra membro, oni aplikas bandaĝon kun pasto de Unna kaj oni permesas marŝadon.

Tiu farmaniero, konata laŭ nomo de Orr, donis al la aŭtoro plurajn sukcesojn, kiujn li dokumentas per priskribo de kelkaj kazoj.

D-ro KEMPENEERS.

D-roj J. VORON et H. PIGEAUD. — **Kuracado de la gravedecaj danĝeraj vomoj.** (El « Le Journal de Médecine de Lyon », 5. 2. 1937.)

618.3 -06 : 616.33 -008.3

Kondiĉe ke ilia sanstato ne estu tuj alarma, la gravedulinoj trafitaj de » danĝeraj vomoj » preskaŭ ĉiuj resaniĝos per jena kuracado :

1) Tuta izolado kun taŭgo psiĥoterapio.

2) Kompleta sentrinka kaj senmanĝa dieto dum 24 horoj. Subhaŭtaj injektoj de sero entenanta kuirsalon. Klisteroj (guto post guto) de sero entenanta glikozon kaj iom da kloralo.

Post 24 horoj, fluidaĵa dieto; bismuto; natria bromido.

Post tri tagoj, malfluida nutrado, laŭ la gusto de la malsanulino, sed tuj denove recepti la senakvan kaj senmanĝan dieton se la vomoj reaperos.

3) Luktadi kontraŭ la malekvilibro de la vegeteca nerva sistemo per ezerino, beladono aŭ atropino, ergotanina tartrato, adrenalino (elektu laŭ la kazoj kaj laŭ la klinikaj ekzamenoj).

4) Uzu ĉe la gravedulinoj alvenintaj en la hospitalon kiam la evoluo jam tre progresis, aŭ en la kazoj kiuj ne estis plibonigitaj per la supredirita kuracado : envejnajn injektojn de hipertoniigaj seroj (kun kuirsalo), kaj duodenan nutradon per la Camus' sondilo.

La abortigo konservas indikojn, sed, malofte, kiam estos tro malfrue por provi la supredirita kuracadon.

D-ro BRIQUET.

---

D-roj BROCHIER kaj CONTAMIN. — **Agado de la foliklino al la antaŭtempaj naskitoj.** (El « Le Journal de Médecine de Lyon », 5. 2. 1937).

615.361.652 -053.31

Verkoj, ĉefe germanlingvaj, montris kiom utila povas esti la uzo de foliklino, ĉe la antaŭtempaj naskitoj, por ripari la mankon ĉe ili de sufiĉe da hormonaj substancoj.

La uzo de ĝi, en Francujo, okazigis gravan malpliiĝon de la mortkvanto de la antaŭtempaj, kaj de la malfortaj, naskitoj, ne preterlasinte la ĝis nun uzitajn rimedojn.

D-ro BRIQUET.

# FARMACIISTA ANGULO

## AKRIKINO ANSTATAŬ KININO

de N. KASSOWSKI (Ukrajno, U. S. S. R.)

615.751.2

En la tuta mondo estas konstatata malsufiĉo de kinino. Laŭ statiskiko de pormalaria komisiono de Ligo de Nacioj, 170 milionoj da homoj, malsanaj je malario, bezonas ĉiujare 1387 tunojn da kinino, kiu estas ekstrakta el ŝeloj de kinin-arbo, kreskigebla nur en kelkaj malmultaj lokoj de l'terglobo. Ĝis nun oni produktadis ĉiujare ne pli ol 600 tunojn da kinino, sur tutigitaj plantejoj de Suda Ameriko, Brita kaj Nederlanda Hindujoj.

Antaŭ kelkaj jaroj internacia scienco solvis la problemon pri artefarebla preparato « atebrino », kiu plenvalore anstataŭas kininon. Sub la nomo « atebrino » tiu ĉi preparato estis sekretigita de germanaj kemiistoj post kiam estis eltrovita fabrika maniero de ĝia preparado.

Post du jaroj, — en la 1933a, — medicinaj kemiistoj de Sovetio eltrovis preparaton de tre komplika kemia komponado kiu per siaj kuracaj efikoj ne nur tute anstataŭas pulvoron de kinino, sed kelkoble superas ĝin. Tiu ĉi nova anstataŭaĵo de kinino estas nomita akrikino.

Tuj, post kiam pri eltrovo de akrikino estis informita soveta registaro, laŭ ordono de Stalin, estis projektita konstruado de speciala uzino por fabrikado de akrikino. La projekto estis realigita dum 80 tagoj, tute sen importaj ilaroj kaj materialoj.

En aŭgusto 1935, 38 kilometrojn for de Moskvo, apud fervoja Stacio Kupavna estis komencita la konstruado de fabrikaj produktejoj de uzino « Akrikin ».

Post unu jaro estis konstruitaj 7 fabrikaj konstruaĵoj, instalitaj kaj muntitaj pli ol 1500 diversaj mekanismoj kaj aparatoj. Pli ol tio, estis pretigitaj kelkcentoj da kvalifikitaj laboristoj, kiuj en nova loĝloko jam havas ĉe uzino lernejon, edukejon, vartejon por infanoj, klubon kaj ambulatorion.

La 20-an de oktobro uzino « Akrikin », produktis per fabrikaj procedoj la unuan tagporcion da akrikino. Kiel eksperimenta fabrikaĵo tiu ĉi produktaĵo estas malgranda, nur 22 kg. Sed ĝis 1a de novembro 1936, la uzino dissendos al apotekoj kaj kuracejoj tunon da akrikino, kaj ĝis 1937, 6 tunojn. La tutjara produktado de akrikino en la 1937a estas projektita je 45 tunoj, kiuj estas ekvivalentaj

al 260 tunoj da kinino, ĉar la efika dozo de nova preparato estas 6-7 oble pli malgranda ol la necesa dozo da kinino.

La unua provo de l'akrikino, ricevita per fabrika procedo, estas granda venko de soveta kemio. La komplikan manieron de fabrikada sintezo karakterizas nur tia fakto, ke la tuno da akrikina pulvoro estas produktebla el 300 tunoj da krudaĵoj. La lastaj estas liverataj el diversaj regionoj de U. S. S. R. kaj konsistas en 60 diversnomaj kemiaĵoj.

La konstruita uzino havas ĉion de moderna medicina kaj kemia tekniko. La altan gradan de maŝinizo por ĉiuj fabrikaj procedoj karakterizas nur la konstato, ke 40 % el la tuta uzina personaro konsistigas inĝenieroj kaj teknikistoj. La laborejoj de l'uzino plaĉe aspektas. Amaso da lumo kaj aero. La ventumado perfekte funkcias

La projektita produktadeco de uzino « Akrikin » estas tiom granda, ke ĝi, — laŭ aserto de uzina direktoro k-do Ŝuvalor, — en 1937 jaro tute kontentigos la bezonon je akrikino en ĉiuj regionoj de Sovetio, elimininte la bezonon je importata kinino.

---

## RECEPTARO

### Kreozoto.

La piloloj kun kreozoto estas preparataj jene : la kreozoto estas disfrotita en pistujo kun kelkaj gutoj da glicerino, poste estos aldonata iom post iom ekstrakto de glicirizo en kvanto duobla rilate al tiu de kreozoto.

### Zinko en okula ŝmiraĵo.

| | | |
|---|---|---|
| Rp / | Zink sulfato | 1.0 |
| | Lanolino | 24,0 |

En ĉi tiu okazo estas necese deflankiĝi de indikoj de farmakopeo, kaj la zinkan salon solvigi en akvo por eviti la gratantan efikon de la kristaloj.

| | | |
|---|---|---|
| Rp./ | Zinkoksido | 20,0 |
| | Bora acido | 3,0 |
| | Kalka akvo | |
| | Grasoleo ââ | 30,0 |

La zinkoksido kaj la bora acido penege disfrotiĝas kun oleo en pistujo, se estas aldonata kalka akvo, ili intermiksiĝas. Poste estas necese la miksaĵon transverŝi en larĝgorĝan botelon kaj forte ekskui. Estas ricevata sufiĉe fortika linimento, kiun estas necese skui antaŭ la uzado.

### Eteraj oleoj

Se al akva fluidaĵo estas aldonata etera oleo (menta, fenkola, k.t.p.) en tia kvanto en kia ĝi troviĝas en la aromataj akvoj, estas ĝuste kaj celkonforme preni la koncernan aromatan akvon.

Piloloj enhavantaj eterajn oleojn estas preparataj tiamaniere : la necesa oleo kun glicerino en egalaj kvantoj oni verŝas en pistujon kaj per helpo de tia sama kvanto de seka gliciriza ekstrakto, oni forte disfrotas, oni ricevos unuspecan mason. Post ĉi tio estas aldonata gliciriza pulvoro por ricevi pilolan mason.

### Emulsio

Ne estas eble enkonduki acidojn kaj salojn acidajn en migdalan emulsion.

**Migdala emulsio kun aldono de ricinoleo.**

La oleon oni aldonas al semoj, pistitaj kaj penege disfrotitaj en malgranda kvanto da akvo, kaj poste estas iom post iom aldonata la restinta akvo. Farm. MAĤOVER (Arhangelsk)

---

### INTERNACIA FARMACIA FEDERACIO

La venonta ĝenerala kunveno okazos en Kopenhago (Danlando) fine de la monato Aŭgusto. La provizora programo enhavas, krom la laborkunsidoj, ankaŭ diversajn vizitojn kaj ekskursojn. Por informoj kaj aliĝoj, oni devas sin turni al la Organiza Komitato, **Hammerichsgade, 14, Kopenhago (Danujo).**

---

# KRONIKO

## LA TEMO « AĜO » EN LA MEDICINA PRAKTIKO

de D-ro M. BRIQUET (Lille)

En Francujo, neniam, ĝis nun, stariĝis tia demando : « Ĉu oni devigos la maljunajn kuracistojn forlasi la praktikon de sia profesio ? » La Profesoroj estis devigataj ĉesi la instruon je fiksita aĝo, sed ili restis liberaj daŭrigi se ili tion deziris, la praktikadon de la medicino, kaj eĉ de la ĥirurgio. Samtempe mi nune konas 70- 75- eĉ 80jarajn kolegojn, kiuj, ĉiutage, aŭ nur por okaze anstataŭi kolegon, vizitas klientojn; neniu kontraŭ tio plendas. Oni diros : ili ne estas plu kapablaj por bone kuracadi,sed oni povas respondi ke ili tre certe pli konvene servas al klientoj ol tiu tre juna kuracisto tute malsperta, aŭ tiu mez-aĝa malklerulo aŭ drinkulo. Estas individuoj kiuj, ĝis tre granda aĝo, konservas, tute siajn fizi-

kajn kaj mensajn ecojn; kontraŭe tiu ĉi, aŭ tiu, estas sanmalforta, kaj mense tre malpliiĝinta, je 50 aŭ 60 jaraĝo.

Nova leĝo estis prezentita de S-ro Pomaret al la franca deputitaro kaj estos verŝajne baldaŭ pridiskutata. Temas pri tuta nova organizado de la medicino; ŝajnas ke estas proponataj kelkaj progresoj (pli efika batalado kontraŭ tiuj, kiuj neleĝe praktikas la medicinan arton, malpermeso uzi nerajte kelkajn universitatajn titolojn, k. t. p.). Sed kio naskis ekscitegecon en la medicina gazetaro, tio estas la projektita « malpermeso al ĉiu kuracisto praktiki la medicinon tuj kiam li estos 65jara. »

La ĉefa argumento de S-ro Pomaret estas ke la junuloj ne povas plu gajni sufiĉan monon por la vivo, pro la obstrukco de la kuracista profesio per la maljunuloj. Sed oni povas respondi : faru pli malfacila la eniron en la profesion; la kuracistoj estas jam tro multaj, ĉefe en la grandaj urboj. Oni ankaŭ plendas pri la tro facila praktikpermeso al fremduloj; ni povus pri tiu temo liveri mirindajn ciferojn.

Nature, laŭ la nova leĝo, la kuracistaj rondoj devus, al la kuracistoj iĝintaj tro maljunaj, doni pensionon reverŝeblan, okaze de morto, al la vidvino. Sed la starigo de tia Kaso, povanta ĉiujare doni sufiĉe da mono, estas malfacilega. Kelkaj kuracistoj akceptus ke la pensiono estu oferata al la maljunuloj kiuj konsentus ĉesi la praktikadon, sed neniu kuracisto konsentas ke ĝi estu altrudita. La kuracista arto, ĝis nun, estis nemetia profesio; ĉiu kuracisto devas povi ĉesi la profesion kiam li volas.

Estis skribitaj multaj akregaj artikoloj kontraŭ S-ro Pomaret, kaj oni (ĉu ne prave ?) al li rimarkigis ke multaj deputitoj, multaj senatanoj, multaj ministroj, de pli aŭ pli longtempe estas 65-, 70-, 80jaraj; multaj el ili eble ne konservis ĉiujn fizikajn kaj mensajn ecojn, kaj tamen ili fabrikas leĝojn... Jes, sed ĉu tiuj ĉi estas ĉiam taŭgaj ?

---

# DIVERSAĴOJ

## LA MEDICINA SCIENCO KAJ LA TURO DE BABELO

Ni represigas ĉi sube enkondukan artikolon, publikigitan en la unua kajero de « Lekarska Revue », la nova medicina gazeto kies naskiĝon ni sciigis en nia antaŭa numero. Ŝajnas al ni ke tiu artikolo tute bone prezentas la diversajn argumentojn, kiuj pravigas uzon de nia lingvo, ne nur en « Lekarska Revue », sed ankaŭ en ĉiuj medicinaj gazetoj de la mondo.

Kial nova medicina ĵurnalo, ni jam havas tro multajn ! Kaj kial Esperanto en medicina gazeto ? La nova gazeto estu ligilo inter la diversnaciaj kaj diverslingvaj medicinaj publikigaĵoj. En la mezepoko la sciencoj havis komunan lingvon, la latinan, kaj tiamaniere ekzistis nur unu medicina scienco. Tion, kion sciencisto aŭ kuracisto skribis en unu lando, ĉiuj samfakuloj povis legi en ĉiuj landoj de la civilizita mondo. Same la universitatoj ĉie instruis uzante la latinan lingvon, ĉiu studento de iu ajn nacio povis lerni en ĉiu universitato. Tio ŝanĝis kiam la naciaj lingvoj evoluis kaj ankaŭ la sento pri la propra nacieco. Oni komencis verki en sia propra lingvo, en la lingvo de la popolo. Estis granda avantaĝo, oni ne perdis tiom da tempo finlernante la latinan lingvon sufiĉe bone por verki en ĝi kaj ankaŭ malpli instruitaj homoj povis ĝui sciencajn kaj popularsciencajn verkojn kaj kleriĝi per ili. La scienco profundiĝis en pli malaltajn kaj larĝajn tavolojn de la popolo. Kontraŭ tiu granda, netaksebla avanĝo staris alia malavantaĝo. Nome, ke la scienculoj ne plus povis kompreni unu la alian, nek buŝe, nek skribe. Sed ne nur en la granda mondo, ne, ankaŭ en nia propra ŝtato la scienculoj ne laboras kune, sed unu apud la alia, ĉiu en sia propra lingvo, ofte ne sciante unu kion la alia faris, kvazaŭ paraleloj, kiuj neniam renkontiĝas. Kion fari? Ne eble estas, turni la radon de la historio kaj reveni al la latina lingvo, precipe ĉar ĝi estas tro malfacile ellernebla. Sed ni havas novan helpilon, Esperanton, kiu estas lernebla en mallonga tempo, kun malmulte da laboro. Resumoj en tiu mondlingvo ne nur ebligas la komprenon por la alinacianoj en tiu ĉi ŝtato, sed ebligas ke oni legu nian gazeton en la tuta mondo. Do la nova gazeto servu al la pli bona interkompreno kaj paciĝo de la nacioj en nia lando, same ĝi rakontu pri la medicinaj agadoj de niaj scienculoj kaj kuracistoj en la tuta mondo !

Niaj kolegoj traduku tiun artikolon nacilingven, kaj klopodu presigi ĝin en sia nacia medicina gazeto, kun afabla mencio al « Lekarska Revue ». Ili sendu la numeron en kiu aperis la artikolo al la redakcio, 15, Palackeho ul., Praha II.

## ESPERANTO KAJ LA HELENA STUDENTARO

Ni legis en « Helena Esperantisto » Febr. 1937 jenan interesan artikolon titolitan « Grava decido por la helena studentaro » :

Ĉiu studento por esti rajtigita pasigi de la 2a studjaro al la 3a devas nepre pasagi ankaŭ sukcese ekzamenon al unu el la 4 fremdaj lingvoj, nome : Germana, Angla, Itala kaj Franca.

Certes ekzistas multenombraj studentoj, kiuj de la Gimnaziaj klasoj daŭrigas la studadon de fremda lingvo, precipe de la Franca, la sola ankoraŭ deviga fremda lingvo (kvankam kun malpliigitaj horoj ĉi tiun lernejan jaron) en la klasikaj gimnazioj de Helenujo. Tamen okazas ofte ke multaj el la lernantoj kaj studentoj, tiel en nia lando, kiel en ĉiuj landoj de la mondo, ne havas la naturdevenan emon por lerni fremdajn lingvojn precipe pro ilia malfacileco. Ni do esperas, ke la nova rektoro S-ro Papamiĥail, kiu, laŭ la ĝenerala opinio, estas homo bonkora kaj progresema, pristudos pli detale la aferon, kaj en la intereso mem de la Helena studentaro faciligos ĝin aldonante al la 4 antaŭcititaj lingvoj ankaŭ la neŭtralan Esperanto-lingvon multe pli facila kaj sekve pli lernebla ol la aliaj. Cetere tiu ĉi Internacia Helpa Lingvo estas instruata seninterrompe de post 10 jaroj en la Univ. Klubo de Ateno post decido de la speciala komisiono por la fako de fremdaj lingvoj instruataj en la U. Klubo, kaj kiu komisiono konsistas ĉiam el Profesoroj de la Nacia Universitato de la ĉefurbo. Per bonega koincido, la nuna komisiono estas prezidata de la bonega kaj eminenta Profesoro de Matematikaj sciencoj en la Nacia Universitato, S-ro N. Hadzidakis, V. Prezidanto de Helena Esperantista Akademio, kiu, se necese, povus plene informi Lian Rektoran Moŝton pri la alta valoro de Esperanto, kaj ĝia eksterordinara disvastiĝo en ĉiuj civilizitaj landoj de la terglobo.

Krom tio, de post pli ol 10 jaroj, la lingvo Esperanto, estas instruata nedevige en ĉiuj Gimnazioj kaj Alternejoj de Ateno, kaj tiel la lernantoj, kiel la studentoj kun granda interesa kaj nepriskribebla entuziasmo sekvis ĉiam la Esperanto-kursojn.

Ĉiulande oni konsideras ke la afero jam maturiĝis kaj ni antaŭvidas ke dum ĉi tiu jaro multaj Nacioj decidos pri la enkonduko de la Lingvo Internacia en la programojn de la studanta junularo. Ĉu estas eble ke Helenujo sub la nuna plej alte progresema Registaro de la Greka renesanco malzorgos pri tiu ĉi afero kaj kontraŭe ne rapidos serioze adopti tiom civilizigan rimedon? La parolon havas plenrajte Lia Mosto la distinginda kaj progresema Ministro de la Kultoj kaj Publika instruado, S-ro Georgakopoulos.

D-ro ANAKREON STAMATIADIS

Bondezirojn por la sukceso de nia sindona kolego. BR.

## ALVOKO

Jen eltiraĵoj de alvoko de la esperanta sekcio de la Leningrada Asocio por Instrua kaj Scienca Kinematografio.

« Ni tre bezonas adresojn de esperantistoj ligitaj kun la problemo
» de scienca kaj instrua kino aŭ de esperantistoj, kiuj povas peri la
» korespondon nian pri la problemo de utiligo de kino en la alter-
» nejoj. Ĉio sendita estas rekompencota. U.S.S.R. Leningrad, 3,poŝt-
» kesto 532, al Direktoro de la esperantista sekcio de Asocio por
» Instrua kaj Scienca kinematografio, S-ro Bruckson.

» Nia tasko estas pruvi utilecon de esperanto sur kampo de
» instrua kinematografio. Sukcesa solvo de tiu ĉi tasko havos gran-
» degan signifon por nia movado en U. S. S. R.

» Do ni varmege petas Vian kolegan helpon. »

Sekvas interesa demandaro bedaŭrinde iom tro longa por esti tie ĉi liverata, sed niaj legantoj povos ĝin ricevi sin turnante al la ĉi supra adreso. De nun ili povas sendi literaturon pri instrua kaj scienca kino, bibliografiajn kaj sciencesplorajn sciigojn k. t. p.

---

## BIBLIOGRAFIO

— HERMESA RONDETO. **Seslingva Vortareto de Medikamentoj,** laŭ Japana Farmakopeo (reviziita eldono). Inter la ses lingvoj estas Esperanto. Eldonita de Nankodo, Hongo-ku, Tokio, 1936.

— El **Revuo Orienta,** N° 12.

JAZAKI, Humito. **Pri la vaga substanco** (Vagusstoff) **en la saliva sekreciado.** 1936, Japanlingve, sed kun esperantlingva resumo.

— En la « Essor Medical » (Le Caire, Egiptujo), D-ro Monnerot-Dumaine, nia fervora T. E. K. A. ano prizorgas la rubrikon « referatoj ». En n-ro 10 (15-2-37) de tiu gazeto, li resumas la artikolon de P-ro Trambusti, pri beri-berio, aperinta en I. M. R., kun mencio « traduit de l'Esperanto ». Imitinda ekzemplo!

— **Karlsbad (Ĉeĥoslovakujo), mondfama kuracbanloko.** — 20 paĝa faldprospekto, bele ilustrita, kun priskribo de la urbo, de ĝiaj diversaj fontoj, kaj de la indikacioj. (En Esperanto)

— **Muuses Esperanto Biblioteko** estas nome de nova libro-kolekto, eldonita en Purmerend (Nederlando). Ni ricevis la tri unuajn volumetojn, 32 aŭ 36 paĝaj broŝuroj elegantataj kaj presitaj. N-ro I, verkita de Julius Glück havas kiel titolon : **La grandaj filozofoj kaj la universala lingvo;** n-ro 3, verkita de Teo Jung, **De Muheddin ĝis mundilatin** estas speciale interesaj por tiuj, kiuj interesiĝas pri la la historio de la mondlingvoj; ili prezentas resumon de la

verkaĵoj de diversaj filozofoj pri la ideo de lingvo internacia, kaj sufiĉe detalan priskribon pri la plej konataj proponitaj sistemoj. N-ro 2 de la kolekto enhavas tradukon de rusaj noveloj de Lermontov kaj Mamin-Sibirjak. Ĉiu volumo kostas Guld. 0.35, aŭ 3 respondkuponoj, afrankite.

— **La hotel-kuponoj kaj benzin-kuponoj por la fremduloj** en Italujo.— 96 paĝa broŝuro, eldonita de Ente Nazionale per le Industrie Turistiche (E. N. I. T.), enhavas instrukcion pri aĉetado kaj uzado de la favor-kuponoj por eksterlandaj vojaĝantoj, liston de rabatoj konsentitaj ĉe fervojoj, kaj liston de hoteloj. Ricevebla de E. N. I. T., Via Vittorio Veneto, 62, Roma (Italujo).

— **Svislando en la Neĝo.** — 16 paĝa broŝureto, dukolore presita, eldonita de la Svisa Turisma Centralo, en Zürich. Celtrafa teksto kaj allogaj bildoj certe varbos multajn por vintra restado en Svislando.

— **The British Esperantist,** oficiala organo de Brita Esperanto-Asocio, ĉiam aperas regule. Dum la nuna jaro aperis « ora numero » dediĉata al la jubileo de Esperanto. En ĝi troviĝas multaj rememoraĵoj pri la unuaj jaroj de Esperanto en Britujo, kaj represaĵoj de artikoloj publikigitaj en la antaŭaj kajeroj. Tiun kajeron devas posedi ĉiu Esperantisto scivolema pri la historio de nia lingvo. Ĝi estas havebla de Brita Esperanto-Asocio, 142, High Holborn, London W. C. I., kaj kostas nur 3 respondkuponojn.

## NOVAĴETOJ

JAPANUJO. — Dum la lasta jara Kongresso de Japanaj esperantistoj, kiu havis lokon en Sapporo, la 8-10 an de Aŭgusto 1936 okazis Medicina Fakkunsido, kies raportanto estis S-ro M. Tabake. Bedaŭrinde ni ne ricevis detalojn

AŬSTRUJO. — **Esperantista Somer-restadejo** estas aranĝata en Gmunden (Aŭstrujo). Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al Esperanto Varbad-servo, Wien I., Neue Burg.

— **Internacia Esperanto-Muzeo en Wien** kolektas adresojn por eldonado de **Tutmonda adresaro de la Esperantistoj.** Kotizo por enpreso kostas 1 sv. fr. Sendu aliĝojn al Internacia Esperanto Muzeo, Wien I., Neue Burg.

## KORESPONDETO

D-ino M. PASSOV, **Rapla,** Etanujo, dentkuracistino, deziras korespondi kun samfakanoj ĉiulandaj.

---

## NEKROLOGO

La 22an de Januaro 1937 mortis en Serpuhov (U. S. S. R.) nia fidela kaj eminenta amiko, farmaciisto A. A. PAFOMOFF, preskaŭ 80 jara. Li estis delegito de U. E. A. kaj vigla propagandisto. Al liaj edzino kaj filo ni prezentas la esprimon de nia sincera kunsento.

---

# Internacia Medicina Revuo

*Internacia Medicina Revuo* estante sendependa diskutejo, nek aprobas nek malaprobas la ideojn de siaj korespondantoj, kiuj sole respondas pri la opinioj esprimataj kun ilia subskribo.

La redakcio rezervas al si la rajton mallongigi la manuskriptojn kaj korekti ilin, sed nur laŭ lingva vidpunkto.

La senditaj tekstoj estu, se eble skribitaj *permaŝine;* almenaŭ ili estu *klare* skribitaj. Ne publikigitaj ili ne estas resendataj.

Reproduktoj kaj tradukoj estas nur permesataj *kun indiko de deveno.*

## ABONOJ

Sin turni al la landaj kasistoj de T.E.K.A., aŭ senpere al la Administracio. Ĉiuj abonoj komenciĝas de la n-ro 1. *Ordinara eldono* kostas, por unu jaro, 7,20 belgojn (36 belg. frank.) *Luksa eldono*, sur baritpapero, estas rezervata al la subtenantaj membroj, kiuj pagos almenaŭ trioblan kotizon.

**REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO**
**19, Avenue Montjoie, UCCLE 3 (Belgujo)**
Poŝtĉekkonto : Bruxelles nº 2814.51. — Telefono 44.53.00.

HONORA PROTEKTANTARO

*Belgujo* : P-ro I. GUNZBURG. — Ceĥoslovakujo : P-roj KADLICKY kay OSTRĈIL. — *Danzigo* : P-ro PETRUSZKY. — Francujo : P-roj CALMETTE † kaj RICHET †. — *Japanujo* : P-roj FUJINAMI, MOCHIZUKI, NISHI kaj OGATA. — *Polujo* : P-roj BUJWID kaj WRZOSEK. — *Sovetunio* : P-roj KABANOV, LYSENKOV kaj SHCHERBAK.

ĈEFREDAKTORO : **Profesoro VANVERTS (Lille).**

KUNLABORANTARO

D-ro ALECHINSKY (Bruxelles); P-ro ASADA (Nagasaki); D-ro AUSTERLITZ (Bardejow, Ceĥoslovakujo); D-ro BABADAGLY (Kiev); D-ro BLASSBERG (Krakov); D-ro BOKARIUS (Ĥarkovo); D-ro BORUCHOWICZ (Warzawa); S-ro BOUCON (Annecy); D-ro BOURG (Bruxelles); D-ro BRIQUET (Lille); D-ro BULYOVSZKY (Kiskunmajsa, Hungarujo); P-ro CANUTO (Torino); P-ro CARBONE DOMENICO (Milano); D-ro CUGIO ARAI (Tokio); D-ro DROUET (Paris); D-ro FELS (Lwow); D-ro GOGITIDZE (Leningrad); Dr GOLDBAUM (Lodz); D-ro JAGI (Kioto); D-ro KEMPENEERS (Bruxelles); D-ro KOLOMOJCEW (Tallinn); D-ro KRENICKI (Warszawa); D-ro KRYNSKI (Warszawa); D-ro KURMIS (Riga); D-ro LINK (Saint-Louis, Usono); D-ro MAEDER-LÖFFLER (St. Gallen); D-ro MAES-DUBOIS (Bruxelles); Farm. MAHOVER (Arkangelsk); D-ro MONTI (Milano); D-ino MUSZKATBLAT (Warszawa); P-ro NISHI (Tokio); P-ro OGATA TOMIO (Tokio); D-ro OMELSKYJ (Cernauti, Rumanujo); D-ro PACE (Specia, Italujo); D-ro PENCIK (Ĥarkovo); D-ro PRZEDBORSKI (Warszawa); D-ro ROBIN (Warszawa); Farm. ROUSSEAU (Bécon-les-Bruyères, Francujo); D-ro SKALSKIJ (Leningrad); D-ro ŜIPIN (Voroneĵ); D-ro SUPIN (Leningrad); D-ro TANKOW (Soĉi Kaŭkazo); D-ro VAN BECELAERE (San Diego); D-ro WELEMINSKY (Praha); Farm. WILTSCHEK (Bratislava); S-ro WOODRUFF (London); D-ro LEONO ZAMENHOF (Warszawa); D-ro ADAM ZAMENHOF (Warszawa); D-ro ZURKOWSKI (Kielce, Polujo); k. t. p.

# Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio (T.E.K.A.)

ESTRARO

*Prezidanto* : D-ro W. ROBIN, Warszawa. — Vic-Prezidantoj : P-ro NISHI, Tokio, kaj D-ro BRIQUET, Lille. — *Ĉef-sekretario* : D-ro KEMPENEERS, 19, avenue Montjoie Uccle 3. — *Ĉef-kasisto* : D-ro G. CANUTO, via Pallamiglio, 15, Turino 116. — *Redakcianoj de I. M. R.* : P-ro VANVERTS Lille. — *Ĉef-sekretario* : D-ro KEMPENEERS, 19, avenue Montjoie Uccle 3. - kaj BLASSEBRG (Krakow). — *Estraranoj* : D-roj FELS (Lwow), ULMAN (Mukaĉevo), VAN BECELAERE (San Diego).

LANDAJ KASISTOJ

*Francujo* : D-ro BRIQUET, rue Solférino, 34, Lille (Poŝtĉekoj : Lille 30.25). — *Japanujo* : D-ro RYOOZI-URA, Anatomia Instituto Medicina Fakultato, Tokio. — *Meksikio* : D-ro AMBROSIO VARGAS, 7a de Bravo, 95, Mexico, D.-F. — *Polujo* : D-ino MUSZKATBLAT, Str. Wspolna, 8, Warzawa (Poŝtĉekkonto 12.651). — Svisujo : D-ro WANNER, avenue Georgette, 1, Lausanne.

KONSULOJ

*Danujo* : D-ro J.-H. Leunbach, Stockholmsgade, 39, Kopenhago. — *Egiptujo* : D-ro Monnerot-Dumaine, p./a. Cº du Canal de Suez, Ismailia. — *Estonujo* : D-ro Roots, Linna Keskhaigla, Tallin. — *Finlando* : D-ro Salokannel, *Alberga*. — Francujo : D-roj Cotar, Vichy; Dardel, Aix-les-Bains; Gros, Apt (Vauclause). — *Grekujo* : D-ro Stamatiadis, Rodou, 21, Ateno — *Hispanujo* : D-ro Bremon Masgrau, Carrer Balme, 102, Barcelona. — *Litovujo* : D-ro J. Kovarskis,, Merkine, Alytus. — *Japanujo* : D-ro Yagi Hideo, Medicina Fakultato Imperia Universitato, Kioto; D-ro Tomasaburo Ogata, Patologia Instituto, Tokio, 1. —*Jugoslavujo* : D-ro Orlenjak, Palmotiĉ str., 20, Zagreb. — *Polujo* : D-ro Leon Zamehnof, Marszalkowska, 125, Warszawa. — *Sovet-Unio* : D-ino M. Fomina, Rustaveli, 15 Batum (Kaŭkauo) ; K-do Snejko, poŝtkesto 33, Minsk (Blankrusio); D-ro Babadagly, Zolotovorotska, 6/30, Kiev; D-ro Skalskij, Jelabova, 1/56, Leningrad. — *Usono* : D-ro Van Becelaere, East Talmadge Drive, 4633, San Diego (Kalifornio).

